XXXIV-a Jaro — N-ro 466 (12) — 15/31 Julio 1938

# ESPERANTO

Internacia Gazeto duonmonata de Universala Esperanto - Asocio

# Saluton al la partoprenantoj de la 30-a Kongreso de Esperanto

Por la 30-a fojo, esperantistoj ĉiulandaj kunvenas en internacia kongreso en Londono, kiam tiu ĉi gazeto atingas la legantojn en Eŭropo.

Spite sennombraj komplikajoj, ĉikanoj kaj malhelpoj eksteraj kaj internaj, la jara manifestado esperantista pruvas al la publiko, ke Esperanto vivas !

Forestas en la kongreso gravaj, eĉ gravegaj landoj, kie la Esperanto-Movado ekkomenciĝis kaj kie ĝi havis unuajn defendintojn. Pro sangaj konfliktoj, aliaj landoj ankaŭ forestas. Kaj forestas aro da samideanoj pro la esperantista malpaco.

En tiu ĉi solena momento, kiam spirito liberiĝas de malagrabla ŝarĝo, malfermiĝas la koro kaj ĝojas, ke la movado ekzistas. Jes, la movado ekzistas, sed la ideo liganta nin, kvazaŭ sin kaŝas. Neniam vi forgesu, ke tiu ĉi movado ne estas nure lingva aŭ trafika sed esence homara ! Nek plifaciligon de l'internacia komerco, nek novan religion celis la kreinto de la lingvo, sed pli bonan komprenon spiritan inter homoj, gentoj kaj rasoj, pere de lingvo facile lernebla.

Akcenti la moralan kernon de nia movado, tio estas la postulo de l'tempo. Ĉio cetera estas nur detaloj, flankajoj, eĉ bagatelajoj tagaj. Kaj nur kiam plimulto ree komprenas tiun ĉi postulon, la movado regajnos perditan forton internan.

La Provizora Komitato de Universala Esperanto-Asocio, flankenmetante ĉion kio disigas, deziras al ĉiuj kongresanoj agrablan kaj ĝojplenan feston. Vivu Esperanto ! Vivu Spirito Zamenhofa.

Por la Provizora Komitato de UEA
Renaud Richez, Vicprezidanto.

## Universala Esperanto-Asocio

### Oficiala informilo 1938-6

**Kunveno de la Prov. Komitato.**

okazis la 2/3 en la Centra Oficejo de UEA. Dum 2 kunsidoj kune 8 horoj estis prilaborita la tagordo. Inter la traktitajoj okupis ĉefan lokon la agado en 1939 pri kio la administranto estas komisiita submeti planon al la aŭtuna kunveno de l' Komitato.

**Okupo de la oficejo.**

Kiel ni jam informis, UEA ne povis tuj eniri la lokojn luitajn en la Palaco Wilson, okupitaj de la Internacia Labora Oficejo. Je la fino de Majo la tria etaĝo liberiĝis kaj la C. O. transiris de la Domo de l' Senarmiga Konferenco (alkonstruaĵo de Palaco Wilson) al ĝia vera sidejo.

Post unu monato da laboro la Centra Oficejo de UEA nun estas bone instalita kaj prezentiĝas inde kaj digne. La nuna sidejo estas sendube la plej bele situita, eĉ luksa kaj samtempe la plej malmultekosta.

**"ESPERANTO" dum somero.**

Por permesi al la redaktoro kaj administranto prilabori aron da restintaj negocoj, la Provizora Komitato decidis ke ESPERANTO ampleksu por la tuta jaro 1938 80 paĝojn dividitajn en 20 kajeroj. Sekve aperas dum Junio, Julio, Aŭgusto kaj Septembro po unu numero.

**Subtenantoj 1938.**

La sekvantaj personoj bonvolis helpi nian agadon aliĝante kiel Membro-Subtenantoj :

51. S-ro W. J. Pratt, Monifieth, Skotlando.

52. S-ro André Schild, Basel, Svislando.

53. S-ro Edvardo Wiesenfeld, Varsovio, Polujo.

54. S-ro Fidele Nigg, Gersau, Svislando.

55. S-ro Mikas Cicenas, Kaunas, Litovio.

56. S-ro D. J. M. Peereboom, Oosterzee, Nederl.

57. F-ino Francina P. Termaat, Delft, Nederlando.

58. S-ro Eemil Helminen, Vaasa, Finnlando.

59. S-ro D-ro Karlo Klimek, Beograd, Jugoslavio.

60. L. K. White, Kenilworth, Anglujo.

**Jarlibro 1938.**

trovis ĝeneralan aprobon inter la membroj. Post la fuŝe presita eldono jubilea, la nuna prezentiĝas kiel inda sekvanto de la serio postmilita. Malica kritiko trovis, ke aperis en la listo de la Delegitoj unu kiu jam mortis (kiu tamen antaŭe pagis la kotizon al UEA) kaj alia estas en... frenezulejo. Povas esti, ke la kompatinda samideano venis tien pro la harstarigaj procedoj de certaj ekskomitatanoj de UEA.

Oni bonvolu korekti :

Sub litero Z, paĝo 132, la unua loko Zagreb devas esti *Zagare* (Litovujo).

### Novaj Delegitoj

*Bereznice ad Sarny* (Polujo, Wolyn) *D.* : Avenir KOLOMYJEC, jurnalisto.
*Čomakovci* (Bulgarujo — Beloslatinska) *D.* : Pastro Ĥristo CANEV.
*Dăbovo* (Bulgarujo) *D.* : Asparuĥ N. IVANOV, Kazanlăŝko.
*Drenovec* (Bulgarujo — Razgradska) *D.* : Atanas MARINOV NECOV.
*Gondabe Gabus* (Irano — Teheran) *D.* : Alla Murad TALIBI.
*Jambol* (Bulgarujo) *D.* : D-ro Zaĥari PASKALEV, ul. Z. Joanna 12.
*Jelgava* (Latvujo) *D* : Krišjanis STRAZDS, Pasta kaste 51.
*Kenilworth* (Britujo — Warwick) *D.* : L. K. WHITE, Ready Token, Red Lane.
*Klagstorp* (Svedujo — Malmöhus) *D.* O. N. IHRBORN.
*Leeds 12* (Britujo — Yorkshire) *D.* : Athole CARTER, 5 Oriental Street.
*Nestomitz* (Ĉeĥoslov. — Bohemio) *D.* : Franz BÖHM, Morkauerstr. 268.
*Pazarĝik* (Bulgarujo) *D.* : Vasil D. LAZAROV.
*Varna* (Bulgarujo) *D.* : S-ino Mara SARALIEVA, Ulice « Ruse » n° 19.
*Ventspils* (Latvio) *D.* : Andreis PORNIEKS, Saules iella 4.

**Lokoj sen Delegitoj**

Ne plu estas Delegitoj en jenaj lokoj :

*Aix-les-Bains* (Francujo) ; *Levallois-Perret* (Francujo) ; *Versailles* (Francujo). *Wisbech* (Britujo).

**Ŝanĝoj**

*Boulogne-Billancourt* (Francujo — Seine) *VD.* : (nova) Léon LAPIERRE, 39, rue Nationale (VD Roland Boschat forlasis la urbon).
*Medan* (Nederlanda Hindujo — Sumatra ) *D.* : D-ro W. G. JOUSTRA : pro libertempo forlasis la landon.
*Nelson* (Nov-Zelando) *D.* : F-ino Glen CARTY, 157. Collingwood Street.

**Statistiko**

| | |
|---|---|
| Nombro da lokoj kun D.... je la 15. 5. 38 | 424 |
| Forstreko ................ | —4 |
| | 420 |
| Novaj lokoj laŭ nuna listo ............ | +14 |
| Stato 15 Julio 1938 : | 434 |

**Personaro ĉe la C. O.**

La personaro ĉe la Centra Oficejo de UEA konsistas :

Oficejestro : *Hans Jakob*, administranto.

Librotenado : S-ino Marguerite Joerin.

Administrado : Ch. Gossweiler.

La gazeton redaktas dumtempe la administranto ; la recenzadon de la libroj prizorgas libervole Sinjoro Jakob Schmid, L. K. Bern.

## Interhelpo Esperantista

*Peto 4*

Vienanino, 33 jaraĝa, tajlorino tre sperta, laborinta por unuarangaj modmagazenoj en Vieno, kun bonegaj atestoj perdis oficon pro rasa kaŭzo. Serĉas rifuĝon en alia lando scias krom sian metion la mastrumadon, escepte pezajn laborojn. Ŝatas infanojn. Parolas flue Esperanto-n kaj scias iom la francan. Posedas regulajn paperojn kaj ricevas pasporton.

*Peto 5*

Ŝtatano germana, de juda deveno kun edzino ne-juda, serĉas rifuĝon kaj laboron en transmara lando. Preferas landon, kie li povas ankaŭ labori por la movado. Komercisto, 40 jara, tre bona propagandisto, vendisto, dum multaj jaroj reprezentanto de grandaj firmoj (branĉo por malmultekostaj ornamajoj), fakulo ankaŭ en malgrandledaj varoj. Disponas pri bonegaj atestoj estas sana kaj energia. Akceptas kion ajn, povas veturigi aŭtomobilon. La edzino scias krom la germana kaj Esperanto, ankaŭ perfekte la anglan.

Ni sciiĝis, ke la fondinto de la Esperanto Muzeo en Vieno, samideano Hugo Steiner liberiĝis kaj estas ekster danĝero. Li serĉas eblecon lokigi siajn du filojn al eksterlando, akceptonta rifuĝontojn. Pliajn detalojn ni laŭeble komunikos en venonta numero de nia gazeto.

Universala Esperanto - Asocio
Centra Oficejo : Palais Wilson, Genève, Svislando

# ◆ El scienco kaj tekniko ◆

## Instalaĵoj

**permesantaj krei en koncernaj urbaj institutoj kuracajn kondiĉojn, similigitajn al la kondiĉoj en la montaj altaĵoj.**

**De Ignaco Mościcki**

**Referaĵo, prelegita dum konferenco, okazinta en la Reĝa Kastelo en Varsovio la 26-an de Januaro 1934. La konferencon partoprenis, laŭ invito de la Prezidanto de l'Pola Respubliko, reprezentantoj del'medicina kaj fizika sciencoj.**

**Kun permeso de l' aŭtoro tradukis Edvardo Wisenfeld, L. K.**

**Ĉiuj rajtoj rezervitaj.**

III.

La tuta metod-ellaboraĵo por produkti « montaran aeron » estas patentigita en Polujo, kaj la patentoj estas propraĵo de la « Ĥemia Esplor-instituto ». Tio estis farita ne pro profitemo, sed sole kun la celo certigi kompetentan teknikan protekton je la eventuala projektado kaj instalado de l'koncerna aparataro. Tio signifas ke la Ĥemia Esplor-instituto ne postulados specialan patentan pagon.

Konforme al tiuj samaj intencoj oni ne nur ne rezervis al si la novaĵojn en aliaj landoj, sed eĉ estis decidite tute senpage donadi en tiu fako profesian helpon al eksterlandaj kuracistoj, turnontaj sin al la Ĥemia Esplor-instituto.

Nun mi klarigos al vi helpe de desegnoj kaj diagramoj la skemon de l'konstruo kaj la funkcion de l'instalaĵoj, kiuj estas la objekto de l'nuna referaĵo.

La skemon de l'instalaĵo, ekzistanta en ĉi Reĝa Kastelo evidentigas la ilustraĵo No. 1.

La aero ekstera, senpolvigita de pli dikaj polveretoj en la enireja filtrilo, estas premata per blovilo sur olean filtrilon. Tiu ĉi filtrilo konsistas el cilindro, en kiu sur kradaĵo restas sufiĉe dika tavolo da etgrajna plenigaĵo. Tiu ĉi plenigaĵo estas de tempo al tempo (en interspacoj eĉ ĉiumonataj) malsekigata per oleo, kiun oni premas per mana pumpileto supren post fermo de l'krano super la malsupra rezervujo, pro kio la tuta enhavo de l'cilindro ekdronas. Post ellaso de l'oleo en la malsupran rezervujon la aparato estas refreŝigita por funkcii.

Post paso tra la olea filtrilo la aero estas plivarmigata depende de aliaj kondiĉoj (pri kiuj poste estos parolata) ĝis temperaturo ĉiukaze pli alta ol tiu de la aero ensorbata el ekstere. En certaj kondiĉoj ĝis 70°-80°, kiel tio estas su[r] la ilustraĵo 1-a. La tiamaniere ĝis kelkdekgradoj plivarmigita aero transiras en la sekvantan rezervujon t.n. malvarmigilo-kondensilo. Tiu ĉi alta kolono ankaŭ estas plenigita per eta materialo, donanta grandan dis[...] volvon de l'surfaco.

En kontraŭfluo al la aero pasas tie ĉi malvarma akvo, kiu laŭgrade varmiĝante pro la varma aero, samtempe malvarmigas tiun lastan. Tiu antaŭvarmigo, formanta originalan solvon celis saturi la aeron per granda kvanto da malseko. Dum la posta leviĝo de tiu konforme malsekigita aero supren, en kontraŭfluo al la malvarma akvo, venas la malaltiĝo de l'temperaturo kaj elgutiĝo de l'superflua kvanto da akva vaporo.




**Desegnaĵo 1: Skemo de prova aparataro por purigi la aeron.** (Kopiis: E.W.)

*(Daŭrigo sekvos),*

## Unua Eŭkaristia Esperanto Mondkunveno

Kvankam la politikaj cirkonstancoj kaj la mensogaĵoj de la malamikaj gentoj de hungaroj senteble malpliigis la nombron de partoprenantoj, tamen la unua mondkunveno ĉiurilate bonege sukcesis. Jam je la 20 -a de Majo dum la interkonatiĝa vespero en centra laktejo en Urba Ĝardeno estis vigla vivo, kiu dum la du solenaj kunsidoj kaj dum la Solena Eŭkaristia Vespero (28, majo) forte altiĝis. La unua kunsido okazis la 27-an, prezidis P. Francisko Zsiros, prelegis dr. Francisko *Erdey*, tit. univ. prof., papa ĉambelano, konsulo de HEF pri : Vinculum Caritatis = Ligilo de la amo ; *Ju Pin*, apostola vikario de Nanking, Ĉinujo, pri : Eŭkaristio. la socia repaciĝo; P. dr. Modesto *Carolfi*, el Italujo, pri: Eŭkaristio kaj la familio ; Paŭlo *Dolak* kanoniko el Slovakujo, pri: Eŭkaristio kaj la mondpaco ; fermis la kunsidon dr. Aŭgusto *Marczell* profesoro. La dua kunsido okazis la 28-an de majo, malfermis Jozefo *Mihalik* profesoro, prezidanto de HEF, pri: Kiu estas la devo de partoprenintoj de nunaj kunvenoj ; *P. Carolfi* daŭrigis sian prelegon. Huberto J. M. *Eras* parokestro el Nederlando, pri : Eŭkaristio kaj la Agado Katolika; P. dr. J. P. *Kao* el Ĉinujo, pri: Eŭkaristio kaj la ĉina misio; Johano *Folföldi* dir. de burĝa lernejo, konsulo de HEF, pri : Katolika mondkoncepto. Fermis la kunvenon dr. Julio *Lajos* kanoniko el Pécs konsulo de HEF. La kunvenoj akceptis la proponon por agadi por la enkonduko de la esperanto-instruado en lernejojn, salutis telegrame la Sanktan Patron : La papon en Romo. Elektis prezidanto por konstanta komitato por estontaj Eŭkaristiaj Esperanto Mondkunvenoj dr-on Francisko *Erdey*. Je la 23-a de majo vespere okazis vere brila Solena Eŭkaristia Vespero kun riĉa programo, precipe la religia teatraĵo de Mario Blaskó kaj poemaĵo de K. Kalocsay estis multvaloraj. Ĉiutage okazis esperantlingvaj predikoj en la preĝejo de jezuitaj patroj (E. Sebestyén religia prof, P.F. Zsiros, Ju-Pin apostola vikario. dr. F. Erdey, P. dr. J. P. Kao, Julio Lajos kanoniko, Ladislao Németh paroĥestro). Sekve la klopodojn de ĉefinspektoro Stefano Zöldy, la hungara poŝto uzis la esperantan lingvon ĉe Telefon-informservoj, ĉe la telefonaparatoj. La budapeŝta fremdultrafika oficejo eldonis belan bildprospekton pri Budapest. La Katolika Esperanto Societo kiun helpis ankaŭ HEF, meritas dankon pri la bonsukcesintaj laboroj. La mondkunveno nepre devos porti bonegajn konsekvencojn por esperanto movado, se mem la esperantistoj ne fuŝos ĉion per ilia maldisciplino kaj interbatalo. Tiu Unua Eŭkaristia Esperanto Mondkunveno plivaloras ol dek tielnomata Universala Esperanto Mondkongreso, ĉar pri la Unua ekatentis ĉiu katoliko, ĝis pri la alia ne interesiĝas eĉ mem la esperantistoj. Kun ĝojo ni sciiĝis, ke la papo dankis telegrafe la saluton kaj sendis sian benon por esperantistoj. La kunsidojn partoprenis 400 personoj, la eksterlandanoj venis el 11 landoj. la enlandanoj el 30 urboj. Budapeŝtanoj 121 ĉeestis.

(Laŭ Hungara Heroldo).

**Eŭkaristia Kongreso Budapest 1938**




**Reproduktaĵo de la belega afiŝo, 60 cm. alta 45 cm. larĝa, nigra fundo, teksto blanka kaj ruĝa, sobra kaj vere arta laboraĵo.**

## Islando

**(Lasto eĥo)**

La *Laborista Kongreso* en *Isafjordo* la 4 Junio 1938 *unuanime* akceptis la jenan rezolucion (resume tradukitan) :

« La VII-a Kongreso de Islanda Unuiĝo de la Laboristaro en la Okcidentaj Fjordoj konsiderante, ke la laboristaro havas malfacilecon akiri tiom da fremdaj lingvoj kaj ke la sola vojo por veni en viva kultura kontakto kun la ekstera mondo kaj por vigligi la progreson estas la internacia helplingvo Esperanto, instigas ĉiujn aŭtoritatojn de la laboristaj societoj, uzi siajn fortojn por organizi Esperanto-kursojn en la laboristaj medioj, kaj ke Esperanto estu enkondukita kiel deviga studfako en la superajn klasojn de la popolaj lernejoj kaj en la mezlernejojn. »

En Isafjordo aperos komence de Septembro n.j. presita Esp.-gazeto « Mateno », red. de S-anoj Helgi Hannesson kaj Oskar Jensen.

Ivan H. Krestanov.

Post alparolo de la bulgara samideano Ivan Krestanov en *Akureyri* (Grena duoninsulo, 2-a islanda urbo, 5,000 loĝ.) la 15. VI. 38 esti fondita esp. societo « Polusa suno » kun jena estraro : Prez. Magnus Albertsson, meblisto, sekr. Jakob Arnason jurnalisto, kasistino S-ino Solveig Halblaub, bibliotekisto Jón Bergdal laboristo, konsilanto Jakob O. Pétursson redaktoro. La lokaj gazetoj; « Islendingur » kaj « Dagur » enkondukis semajnajn esp. kolonojn kaj favore akceptas artikolojn pri nia revigliganta movado. Sendu propagandan materialon al la nova societo.



**Esperantista Grupo "Norda Stelo" en Isa Fjord Foto farita 11 ½ horo vespere 30 Majo 1938.**

### Politika Korespondado

*Reykjavik* (Islando) : S-ro Haraldur Jóhannsson bibliotekisto. Baronsstig 19, deziras korespondi pri politiko.

*Reykjavik* (Islando) : S-ro Gudmundur Sigurdsson, varmakva instalisto, Falkagata 19, deziras korespondi pri politiko.

### La Rondo Familia

F-ino Ellen Isbrücker, filino de Gesinjoroj Isbrücker fianĉiniĝis kun Sinjoro Walther H. Stein. samideano-aerpiloto.

Sincerajn gratulojn !

Redakcio ESPERANTO.

# Tra la Gazetaro




Per Unuigitaj Fortoj, emas ŝerci. Kaj se la ŝerco ridigas despli bone. Nia malgaja tempo bezonas ridadon. La tria numero enhavas interalie telegramojn de la Internacia Telegrafa Klaĉ-Agentejo (*ITKA*) :

*Parizo :* Laŭ fidindaj informoj, la *SAT* gvidantaro, por konservi la « for la neŭtralisman » purecon de siaj anoj, decidis statute malpermesi al ili geedziĝon kun membroj de IEL kaj UEA.

*Genevo.* Konstatinte la admirindajn sukcesojn organizajn de la t. n. Provizora Komitato de UEA. la Ligo de Nacioj ĵus decidis komisii al ĝi la organizon de la mondpaco.

## ORIENTA KURIERO

者 使 東 遠

**MONATA ILUSTRITA REVUO**

*Hongkong — P.O. Box 10*

Tiel titolas revuo, laŭ formato de la konata « Readers Digest », plaĉe presita laŭ angla maniero kaj aperanta en Hong Kong. La prezento diras la jenon:

*NIA PREZENTO*

*Ni naskiĝis en sango, sufero, mizero. Niaj gepatroj estas la ĉino-japana « incidento » niaj lulantoj la siblantaj kugloj, aeroplan-bruo, bombeksplodoj, la lastaj hurloj de agoniantaj senkulpaj virinoj, infanoj kaj maljunuloj.*

*Ni venis kondamni kaj akuzi la japanan militarismon, « stampi la perfidan Judas-stampon sur la frunton de tiu hipokriteco, kiu paŝon-post-paŝo sin perfidante prezentas nevole sian veran intencon ». Torento de sufero persvadas nian landon. Milionoj de malfeliĉaj rifuĝintoj — falintoj de l' katastrofo — migras senhejme en urboj, vilaĝoj, sur landvojoj kaj ilia sorto estas difinita. Malsatmorto sekvas iliajn paŝojn kaj kadavroj kovras la sencelajn vojojn.*

*La teroj estas nekulturitaj, la fabrikoj kaj uzinoj fermitaj, detruitaj kaj bruligitaj. La lernejoj kaj universitatoj forlasitaj kaj la ombro de orfa soleco sternas sin super la iam gaj-eĥaj ĉambregoj. La studentoj batalas sur la frontoj, aŭ migrante. senhejme. sencele atendas la sortoturnon kaj pacon.*

*La hospitaloj estas plenplenaj. Super ili ruĝkrucan standardon flirte svingas la vento. Interne diligentaj, sinoferaj kuracistoj kaj vartistinoj staras tagenokte kontraŭ la potenca morto. Neniam ili scias kiam kaj kiel alvenas la nevidebla malamiko : Ĉu vunditan soldaton ĝi pelas el la lito, aŭ ilin mem kaptas la fato en la formo de japana aeratako. Ĉar ne ekzistas kompato kaj indulgo en la japana militarismo. Ĝi ofendas pacajn vilaĝojn kaj masakras ties sendefendajn loĝantojn, kiuj neniam antaŭe vidis aeroplanojn kaj scivole kuras surstraten, ke post sekundoj ili kuŝu senkonscie, en propra sango baraktante. Ĝi atakas sensuspektajn knabinojn kaj perfortas ilin. Ĝi bombas hospitalojn neante kaj piedpremante humanismon kaj internaciajn leĝojn. Ĝi estas la furio de egoismo kaj malamo. Kaj ni venis batali kontraŭ tiu sinistra monstro por helpi al nia suferanta popolo kaj peti la helpon de ĉiuj honestaj homoj. Ili ekkonu kaj batalu kune kun ni kontraŭ la malamiko de paco, frateco kaj humanismo, kontraŭ la japana imperialismo.*

---

La cetera enhavo rilatas al la japan-ĉina... nu ni diru klare, milito, vorto tiom honteme evitata de militaristoj. La abonprezo de tiu ĉi leginda 48 paĝa revuo estas sep angla ŝilingoj.

## LA VIPO

ne plu vipas! Funebras nun la abonintoj! La eldonejo informas :

Bedaŭre ni devas vin informi, ke ni decidis la ĉesigon de « La Vipo ».

La kaŭzo estas la sama, kiu ĉesigis la aperon ankaŭ de « La Pirato » : Ni ne havas materialon por la gazeto!!!

Ni povis aperigi kvar numerojn, kaj la enhavon de tiuj numeroj devis verki preskaŭ nur la redaktoro ..................... Jam antaŭ kelkaj monatoj ni volis vin informi pri la jena decido, sed tiam ni havis la esperon, ke talenta kunlaboranto povos pli aktive labori por la gazeto. Tiu espero ne realiĝis kaj nun jam ni devas rezigni pri plua aperigo, tiom pli, ..................... ke ni havis entute 64/!!!/ abonantojn. Ŝajnas, ke en la nuna serioza tempo ankaŭ la esperantistoj ne inklinas okupiĝi pri ŝercoj aŭ satiroj.




La Aprila numero de tiu ĉi ĉiam leginda periodaĵo enhavis artikolon de Julio Baghy « *Malkvietigaj konstatoj* ». Ĉi tiujn konstatojn tute ĝustajn Baghy finas per jena konkludo :

*Oni bezonas kuraĝon hodiaŭ por esti optimisto kaj eĉ pli grandan kuraĝon por paroli pri paco, ĉar la gazetraportoj, la filmjurnaloj ja ĉiutage skizas ĉiam pli minacajn bildojn pri la proksimiĝanta milito eŭropa. Oni ne povas nei tion. Sed se ni, esperantistoj, jam havas optimismon por kredi pri la pli bela estonteco, ni havu ankaŭ sufiĉe da energio kaj da laborpreteco por laŭeble forigi la danĝerojn. Ĉi tion postulas de ni ne sole la tradicia principo de la neŭtrala movado. sed la natura patrujamo kaj la tuta vivo de eŭropo, kies paca atmosfero pli garantias la tutmondan pacon ol milionoj da kanonoj kaj centmiloj da militaj aeroplanoj.*

## L'ESPERANTO

La organo de la Itala Esperanto-Movado, recenzante la pasintjaran eldonon de la Jarlibro de UEA, skribas : (Numero 4-5, Majo).

Tiun Jarlibron ni ricevis nur lastan monaton, el Bialystoka presejo, kvankam ĝi estis disdonita jam en somero de 1937.

La enkonduka, la historia kaj la teknika partoj enhavas vere interesajn sciigojn. Tamen, la temo « organiza demando » estas pritraktata nur laŭ la jam sufiĉe konataj vidpunktoj de U.E.A., t. e. miope rilate nunajn tempojn kaj realan vivon : la « disrompo de la movado », la « jura situacio » ktp., ofte revenas, de paĝo al paĝo, seke peze kaj unutone, kaj sur ĉio ĉi estas algluita la malnova etiketo de la « alta idealo »...

Ĉu eble la kompilinto kaj la Komitato de U.E.A. opiniis ke *tia* jarlibro, disdonota tuj antaŭ la Jubilea Kongreso, estos bona allogilo, kiu altiros al U.E.A. novajn kaj malnovajn simpatiojn kaj konsentojn? Ĉu ili (kiuj ankoraŭ ne komprenas — aŭ ne volas kompreni — ke la vivo ĉiam triumfis triumfas kaj triumfos en la ĉiutaga batalado kontraŭ seka rutino kaj kontraŭ.. ŝtoniĝintaj paragrafoj de malaktualaj statutoj aŭ regularoj) eble esperis ke, svingante antaŭ la okuloj de la Esperantistoj la foliaron de la *jura* duonvenko, ili sukcesos atingi la *moralan* venkon, t. e. ili regajnos la amason? Se jes, jen plia pruvo pri ilia fundamenta eraro, ĉar la *decida* juĝo *ne* estas tiu surpaperigita de iu ajn ekstera tribunalo, sed tiu, kiun la Esperantistaro — *la sola kompetenta kaj senapelacia instanco tiukaze* — per vortoj kaj per faktoj jam eldiris!

Mankas la adresaro de la Delegitoj; kaj mi sincere bedaŭras ke orkolora kovrilo de Ora Jubilea Jarlibro kovras... ruston; kaj ne nur metafore, ĉar ankaŭ papero kaj preso ne estas bonaj *p. p.*

---

Ni konsentas kun la estimata kritikinto, ke la Jubilea Jarlibro, ne estas inda posteulo de la bela serio de 1908 ĝis 1934.

Sed li estus farinta pli bone. silenti pri ceteraj okazintaĵoj. La kulpo, ke UEA disfalis, estas dankata al tiuj kiuj aplikis diktatorajn metodojn, en *movado*, dependa de la bonvolo kaj de la sindono, kaj ne de ordono. Diktatoreco politika povas, kaj en multaj okazoj *estas* necesa kaj utila, precipe kiam la forlaso de principoj kaj malrespekto de donitaj promesoj kreis malfidon kaj ĥaoson.

Ĉu la kritikinto nur provis ekzameni la faktojn? Ĉu efektive la stato de UEA en 1936 estis tiom danĝera, ke necesis tuja ŝanĝo? Ĉu la tiama komitato nur *provis* honeste sekvi la vojon kiun diktis leĝo kaj bonkonduto? Kaj ĉu la sekvintaj okazintaĵoj ne konfirmis la ĝenevanojn, precipe kio rilatas la situacion de Aŭstrio?

Kaj pri la elspezoj en Londono multe malpli altaj laŭdire ol en Ĝenevo, la bilanco de IEL kun ĉ. 26 000 Fr. sv. da deficito, por 15 monata agado donas la alian respondon !

Konkrete : La tiama komitato, forkurinta antaŭ kvin membroj, fondis novan societon. Per la mono de UEA! Tio estas do verŝajne morala venko, ĉu? Nu, la lasta vorto ankoraŭ ne estas dirita kaj al la estimata kritikinto ni nur konsilas, ke li pli funde studu aferojn antaŭ ol eldiri ion.

La vero venkos.

## MONDI-LINGWO

### Monsal Revuo pro unito interlingwiste

Tio estas nova periodaĵo en nova interlingvo, aperanta en Mexico, D F. (Meksiko), Apartado 2929. La karakterizoj de la nova lingvo estas :

Substantivo finiĝas per — o —, adjektivo per — e —, verbo per — an — adverbo per — um —.

K. t. p. Jen modelo de teksto :

Deo

El supreme Principio del vito
El Realito eterne et excelsea
Ea nel homin el Luco konsciante
In ca esso el impulso evolvante

La jena lingvo internacia pliriĉigas la kolekton kaj verŝajne ĝojigas la kolektantojn de L.I. Vivu la sekvontajn!

---

## AL LA NOVA ETAPO

### Informbulteno Internacia pri Liberiga Batalo de Ĉinio

La japana militiro kontraŭ Ĉinio vekis en la plimultaj landoj senton de doloro kaj de abomeno. Foriĝis la simpatio ekzistinta por Japanujo, ĝiaj ĉarmaj trajtoj kaj bezonas longan tempon por restarigi tiun ĉi inklinon en okcidento. La tuta atento turniĝas al la senekzempla kaj senegala batalo kaj angore sin demandas la homarano, kiel tio finos.

Dume la internacilingvanoj en Ĉinio ne ripozas. Jam aperis aro da presaĵoj por klarigi la situacion al cetera mondo. La titolo supra apartenas al periodaĵo aperanta en Kanton, P. O. Box 116. La numero 5-6 de Marto- Aprilo donas tradukojn de tekstoj el ĉinaj gazetoj socialistaj. Plie alvokon de la Siama Esperanto Asocio por helpi al la ĉinoj.

# Foliumante novajn verkojn

**Ellernu** : Progresa kurso de Esperanto, verkita de D-ro Francisko Szilagyi, eldono de Litera tura Mondo, Budapest. — Kiam dum la dua Universala Kongreso de Esperanto en Ĝenevo, 1906, la entuziasmigita kongresanaro efektivigis belegan ŝipveturadon sur la Lemana Lago, la optimismo estis tiom granda, ke la plimulto estis konvinkita pri rapida venko de la movado. Oni parolis pri la kuracistoj, ŝtatviroj, inĝenieroj, komercistoj ktp., kiuj baldau lernos Esperanton, ĉar nature la tuta mondo devas nun lerni nian lingvon. Kaj tiam ekparolis la sola pensema ombro de tiu sunplena tago, **Kabe,** la fama verkinto de la Vortaro de Esperanto kaj lertega tradukinto de la « Faraono ». Li diris : « Unue la Eperantistoj lernu Esperanton ! ». — Prava kaj trafa vorto, ĉar la « Bonantagon »-esperantistoj neniom valoras. — Por ebligi al seriozaj Esperantistoj, efektive ellerni la lingvon, D-ro Szilagyi verkis sian libron « Ellernu ! ». En dekok lecionoj li donas klarajn kaj precizajn respondojn al ĉiuj eblaj demandoj pri gramatiko, vortformado, stilo, ktp. Krome ĉiu leciono enhavas kelkajn ilustraĵojn, kiuj bilde klarigas la regulojn. — Por la gvidantoj kaj lernantoj de progresaj kursoj « Ellernu » estas perlo.

---

**Nia Vojo,** aktualaj problemoj de moderna internacla vivo kaj laboro, de IPE, Varsovio. Adreso : Jozef Przyborowski, ul. 6-go Sierpnia 20 m 47, Warszawa, Polujo. — Malgranda, tre instrua broŝuro, kiu klare pruvas la necesecon organizi la tutan supernacian laboron kun la helpo de la Esperantistaro. Ĉiu pensema homo profite legos la broŝuron.

---

**Natura ordo socia,** de D-ro Leon Swiezawski, kun antaŭparolo de Prof. D-ro Odo Bujwid, eldonita de Lidia Swiezawska, Krakovo, estas konciza resumo de libro pli frue eldonita sub la sama titolo. La aŭtoro, modesta kuracisto, sed grandanima homo kaj profunde pensanta filozofo, skribis kelkajn valorajn librojn. La resumo estas leginda de ĉiu pensema homo, eĉ se iu ne konsentos kun ĉiuj argumentoj de la aŭtoro. Estas domaĝe, ke ĝis nun la kompleta origina verko ne povis aperi en Esperanta traduko, sed eĉ tiu konciza broŝureto estos tre utila por ĉiu socie pensanta leganto.

---

**Fragmentoj,** verkitaj ag Bernado Ojasono, Tallinn. — En la Antaŭparolo al la Fundamento D-ro Zamenhof diras, ke « la fundamento de la lingvo devas esti absolute netuŝebla. Tio povus naski la penson, ke Esperanto restos ĉiam rigida kaj neniam disvolviĝos. Ho ne ! Malgraŭ la severa netuŝebleco de la fundamento, la lingvo havas la plenan eblon, ne sole konstante riĉiĝadi, sed eĉ konstante pliboniĝadi kaj perfektiĝadi. La netuŝebleco de la fundamento nur garantios al ni konstante, ke tiu perfektiĝado fariĝados **ne per arbitra, interbatala kaj ruiniga rompado kaj ŝanĝado, ne per nuligado aŭ sentaŭgigado de nia ĝisnuna literaturo, sed per vojo natura, senkonfuza kaj sendanĝera.** » — La estona verkisto Ojasono en siaj « Fragmentoj » iras tute malsaman vojon. Li uzas ne nur serion da novaj vortoj, kiuj eble parte estas nemalbonaj, sed li ankaŭ enkondukas formojn, kiuj nepre pekas kontraŭ la fundamento : Anstataŭ la kompletaj formoj de la helpverbo esti, li uzas nur la finaĵojn : i, u, us, as, is, os, anta, inta, onta! Ekzemple : « Somero as pasinta. La knabo is 16-jara kaj lia nomo is Parvo. Tio as ĉio, kiu (?) restis el pli bonaj tagoj spertitaj ag l'into laborestro. Se tio us nur belo, tio us nenio. » — Plie Ojasono uzas la pasivajn participojn aldonante al ili la verbajn finaĵojn : « La imagoj kondukatas al la infano, kies gepatroj as tiom malriĉaj, ke li naskatas vojaĝe. » Nova ankaŭ estas la prepozicio **ag** kun la signifo **age de** : « Verkita ag B. Ojasono. Eĉ ĉiu movo ag branĉo, ĉiu paso ag vento, ĉiu falo ag polvo as valoroj. » — Menciinda estus ankoraŭ tuta serio da similaj neologismoj, sed ni opinias, ke la cititaj ekzemploj sufiĉos por povi prijuĝi la lingvan « valoron » de la « Fragmentoj » por nia literaturo ! — Ni komprenas, ke neniu eldonisto volis transpreni ĉi tiun verkon kaj ke la aŭtoro mem devas porti la riskon de la eldono.

3 junio 1938 J. Sd.

# Parolas la ciferoj

## La Bilanco de IEL

En la bele presita Jarlibro 1938 de la Internacia Esperanto Ligo, en Rickmansworth. Anglujo, troviĝas aro da ciferoj, kiuj ankaŭ interesos niajn legantojn. Sur la paĝoj 24 ĝis 26 estas konatigataj la spezoj por 1936 kaj 1937, kun bilanco, en unu kolono laŭ angla monsistemo, kaj en alia kolono en svisaj frankoj, kalkulitaj laŭ kurzo: 1 Funto = 21.— Fr. Ĉi tie ni indikos nur la ciferojn en frankoj. Ni kopiis ilin precize, sed prenas al ni la permesatan liberecon aranĝi la ciferojn pli klare, tiel ke ankaŭ ne-spertuloj pri duobla librotenado facile komprenu ilian signifon.

JARO 1936, de Septembro ĝis Decembro.

| **Elspezoj :** | Fr. | Fr. |
|---|---|---|
| Salajroj | | 4 419.60 |
| Lupago kaj impostoj | 836.50 | |
| Dom-elspezoj | 46.55 | 883.05 |
| Elspezoj por Oficejo en Rickmansworth | 529.38 | |
| Elspezoj por Oficejo en Stockholm | 953.60 | 1.482.98 |
| Gazetoj : « Esperanto Internacia » | 2 059.84 | |
| « Heroldo de Esperanto » | 206.85 | 2.266.69 |
| Presaĵoj kaj materialo | | 1 407.30 |
| Afranko | | 514.— |
| Diversaj elspezoj | | 168.— |
| Sumo de l'elspezoj : | | 11 141.62 |
| **Enspezoj:** Entute | | 13.56 |
| PERDO: 1936: | | 11 128.06 |

Rilate tiujn kvar monatojn 1936 la Antaŭparolo al la Jarlibro diras: « Kiam la membroj de nia Asocio, kiu ĝis tiam estis laborinta en Ĝenevo, sub la titolo « Universala Esperanto Asocio » (UEA), devis forlasi ĝin kaj fondi IEL, en Londono, nia ĝenerala sekretario apartigis en banko la havaĵon de UEA, kiun li poste sendis al dispono de la personoj. kiuj provizore prenis sur sin daŭrigon kaj novan gvidadon de UEA. Restis do « nulo » en nia kaso. kaj tamen restis la fino de la jaro (kvar monatoj) dum kiu ni devis vivi, labori, funkcii, sen iu ajn kotizo aŭ normala enspezo ».

Pri tiu ĉi kortuŝa rakonto ni devas rimarkigi. ke neniu en la mondo devigis la nunajn gvidantojn de IEL forlasi Ĝenevon ; ĉiu ja scias ke propravole. eĉ kontraŭleĝe kaj kontraŭ la protestoj de parto de la membroj, ili provis fortransporti, kaj tiel mortigi, UEA-on. Ankaŭ la lulilo de malfeliĉa IEL estis mole remburita per 9 500 Frankoj el la Kapitalo kaj el la kaso de UEA en Ĝenevo, el kiuj ĝis hodiaŭ UEA nur revidis 3 712.64 Fr. Pri la tuta resto kaj aliaj repostuloj disputas ankoraŭ la advokatoj. Plie IEL posedis de UEA riĉan adresmaterialon, presaĵojn, k.t.p., kaj sen interveno de la ŝtata aŭtoritato, ankaŭ la meblaro de UEA estus naĝinta al Londono.

JARO 1937. — Plena jaro.

| **Elspezoj:** | Fr. | Fr. |
|---|---|---|
| Salajroj | | 15 058.58 |
| Lupago, impostoj kaj rentumo | 1 355.02 | |
| Dom-elspezoj | 1 023.70 | 2 378.72 |
| Oficejaj elspezoj: Rickmannsworth | 1 699.80 | |
| Stockholm | 831.10 | 2 530.90 |
| Gazetoj: « Esperanto Internacia » | 7 539.45 | |
| « Heroldo de Esperanto » | 2 929.10 | 10 468.55 |
| Jarlibro | | 5 070.95 |
| Presajoj kaj materialo | | 3 099.11 |
| Afranko (C. O. kaj ekstera) | | 1 171.80 |
| Vojaĝoj | | 1 865.85 |
| Premioj | | 1 081.— |
| Lingva Komitato | | 525.— |
| Propagando | | 520.35 |
| Diversaj elspezoj | | 401.40 |
| Sumo de l'elspezoj | | 44 172.21 |

| **Enspezoj:** | Fr. | Fr. |
|---|---|---|
| Kotizoj: A. M. | 5 341.88 | |
| M. J. | 4 102.— | |
| M. A. | 8 790.20 | |
| M. A. H. | 4 470.70 | |
| M. S. | 3 410.40 | |
| Patronoj | 1 136.10 | 27 251.28 |
| Entreprenoj | | 259.— |
| Abonoj: Esperanto Internacia | | 156.30 |
| Donacoj | | 575.75 |
| Kongresa Licencpago (Londono) | | 2 623.55 |
| Libroservo | | 489.25 |
| Jarlibro — reklamoj | | 498.35 |
| Diversaj enspezoj | | 99.25 |
| Sumo de l'enspezoj | | 31 952.73 |

BILANCO :

| | |
|---|---|
| Elspezoj | 44 172.21 |
| Malpli Enspezoj | 31 952.73 |
| *Jara malprofito* | 12.219.48 |

Kio tre mirigas nin estas, ke aperas en la enspezoj de 1937 la posteno « Licencpago por la Londona Kongreso » kvazaŭ ĝi estus jarkotizo. Ĉar laŭ nia modesta scio la kongreso okazos dum Aŭgusto 1938, la licencpago kiel kompenso por taŭga organizo de kongreso estos nur gajnita dum tiu ĉi jaro, kaj ne jam en la pasinta. Tia antaŭa kalkulado estas trompa, tiom pro la ĝenerala risko de la kongresoj, kiom ĉar la ebleco enkasigi kongreslicencon unu jaron antaŭe estas treege malofta escepto. Sen tiu licencpago, apartenanta al la jaro 1938, la malprofito de la jaro 1937 sumus: 14 843.03 Fr. !

BILANCO je 31. Decembro 1937.

*Aktivoj*

| | | |
|---|---|---|
| Mono : en la oficejo | 69.30 | |
| en banko | 2 331.40 | 2 400.70 |
| Ŝuldantoj diversaj | | 4 352.25 |
| Meblaro | | 5 095.16 |
| Libro — Provizo | | 526.75 |
| Aktivoj moveblaj. Entute | | 12 374.86 |
| Domo en Rickmansworth: takso, ne deprenante hipotekon de 21 840.— Fr. | | 36 750.— |
| *Sumo de l'Aktivoj* | | 49 124.86 |

*Pasivoj*

| | | |
|---|---|---|
| Kreditoroj: Liverantoj | 2 693.85 | |
| Konthavantoj | 22 017.10 | |
| Kotizoj antaŭpagitaj | 2 976 10 | 27 687.05 |
| Hipoteko sur domo Rickmansworth | | 21 840.— |
| *Sumo de la Pasivoj* | | 49 527 05 |

| | |
|---|---|
| La Pasivoj | 49 527.05 |
| Malpli la Aktivoj | 49 124 86 |
| Donas Malhavon de | 402.19 |

**Konto de Kapitalo.**

La Jarlibro IEL indikas Kapitalon de 22 945.35 Fr., sen plia klarigo. Ni kredas trovi la veron, se ni supozas ke tiu Kapitalo konsistas el la mono ricevita preninte hipotekon sur la

| | | |
|---|---|---|
| domon, por Fr. | 21 840.— | |
| kaj el iaj donacoj en la valoro de Fr. | 1 105.35 | |
| | 22 945.35 | |
| La Perdo de la jaro 1936 | | 11 128.06 |
| Kaj la Perdo de la jaro 1937 | | 12 219.48 |
| Entute | | 23 347.54 |
| Malpli la Kapitalo, supre montrita | | 22 945.35 |
| Donas denove la Malhavon de la Bilanco | | 402.19 |

### Konkludo

Se, je la 31a de Decembro 1937, IEL estus likvidiginta sian monon, sukcesinta enkasigi sen ia perdo ĉiujn bonhavojn, kaj vendi siajn libroprovizon kaj meblaron je la taksita valoro, tiam rezultus 12.374.86 Fr. por pagi la 27 687.05 Fr., la ŝuldresto estus : 15 312.19 Fr.

Se plie ĝi povus vendi la domon plenvalore. do por 36 750 Fr. malpli la hipoteko de Fr. 21 840.— ĝi eltirus 14 910.— fr., por egalbalancigi la reston de 15 312.19.

Tiam restus ankoraŭ la ne-kovrita ŝuldo de 402.19 Fr.

UEA tro bone konas la financajn zorgojn de la internacia agado esperantista, por ke ĝi kritiku aliajn entreprenojn kiuj faris similajn spertojn. Sed, rilate al IEL, la situacio estas alia. La ĉefa kaŭzo por la provita ruinigo de UEA kaj la fondo de IEL estis la riproĉego. ke UEA laboras tro multekoste en Ĝenevo, dum en Londono aŭ alie en la mondo ĝi faros grandajn ŝparojn. Jam en 1936 oni atentigis flanke de UEA: ke la multekosta sistemo de du Direktoroj estis altrudita al UEA, kontraŭ ĝia volo, per la kongreso de Köln, 1933, kaj ke de aŭtuno 1934 UEA estis estrata de novaj personoj, kiuj estus povintaj pruvi siajn administrajn kapablojn tiom bone en Ĝenevo kiom aliloke. Al la tiamaj diskutoj pri ŝpareblecoj nun respondas la faktoj: Perdo de IEL en 1936: ronde 11 000.— Fr., kaj perdo 1937, dum bona jaro kun parte formanĝita Londona-Kongreslicenco: ronde 12 370.— Fr.

Granda allogilo por la translokigo de UEA al Anglujo estis la donacota domo. Sed jam la ciferoj de 1937 por lupago, rentumo, impostoj kaj domelspezoj sumas 2.378.72 Fr., do montras elspezon per kiu, sen propra domo, oni povas lupreni belan oficejon en urbo, ne nur en vilaĝo. Plie ĉiu domposedanto scias, ke oni devas antaŭvidi okazajn eksterordinarajn elspezojn por riparoj.

La Bilanco 1937 pruvas, ke ne plu unu briko de la domo apartenas al la Esperantistoj. Ĝia vendo eĉ ne plene sufiĉus por pagi la ŝuldojn.

*« IEL troviĝas en tre bona financa stato. Ni kapablis ekvilibri la budĝeton por ĉi tiu jaro. kaj por* 1938 *ni eĉ antaŭvidas grandan gajnon.* »

Tion solene deklaris Sinjoro Goldsmith, la 10-an de Aŭgusto 1937 en Varsovio.

. Liaj ciferoj deklaras la malon.

UEA.

## Niaj Mortintoj

*Kun bedaŭro ni sciiĝis pri la forpaso de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas esprimon de nia kora simpatio.*

*S-ro A. Minten*, ano de UEA 14365 de 1924-1937 fidela Delegito ĝis la morto okazinta 12 Decembro 1937.

*S-ro Charles Lallemand*, eksinspektoro ĝenerala de minoj, eksprezidanto de l'Akademio de sciencoj, fervora simpatianto de nia afero, kunsubskribinto de la fama deklaro pri Esperanto, de 40 francaj Akademianoj (membroj de la Franca Akademio de Sciencoj).
(Laŭ Radio Esperanto, n° 33).

*S-ro Vernon L. Clift*, en Jersey Ano de UEA 1932-1936 kaj Delegito por tiu-ĉi loko sur la normandaj insuloj, 16 Aprilo 1938.

*S-ro E. C. Jack*, en Kilbirnie Wellington. Novzelando, Aprilo 1938. Trankvila homo, laborante en la fono.

*S-ro V. N. Devjatnin*
El Leningrad ni ricevis malĝojan sciigon : la 28-an de Marto post malsano mortis E-pioniro Vasilii Nikolajeviĉ Devjatnin, 76 jaraĝa.

Devjatnin naskiĝis en 1862 en Orlova regiono. Li estis instruisto de la latina kaj rusa literaturoj en Kijev. poste en Vilnius. Estinta ano de Volapük li aliĝis al Esperanto en jaro 1891, kaj tuj komencis en ĝi verki kaj korespondi kun Zamenhof, al kiu li amikiĝis. Devjatnin partoprenis la unuan universalan E. - kongreson kaj fariĝis Lingva Komitatano. En la universala Kongreso 1911 li gajnis la unuan literaturan premion. Al la Krakova Jubilea Kongreso li pi[illegible] iris kun la turko Roman. De 1914 Devjatnin fariĝis militkaptito en Germanujo, kie li ankaŭ propagandis E. — En 1918-1922 li loĝis en Leningrad kie li gvidis kursojn kaj estris E. - societojn. Poste li translokiĝis al Kijev. La lastajn tri jarojn Devjatnin loĝis en Leningrad ĉe sia nevo inĝ. Jakob. Li estas enterigita sur la leningrada Smolna tombejo.

Al lia plumo apartenas multaj originalaj verkoj kaj tradukoj. Li tradukis la poemon de Lermontov « Demono », de Puŝkin « Boris Godunov », « Poltava ", « Ruslan kaj Ludmila », de K.R. « La reĝo Judea », kiun eldonis nia neforgesebla Paŭlo Medem.

Devjatnin ankaŭ verkis originalajn komedietojn : « Edziĝo », « Nefinita dramo » k. a., versaĵojn : — « Unuaj Esperantistaj Satiroj ». Multaj liaj versaĵoj estis presitaj en la Fundamenta Krestomatio. Krom tio Devjatnin verkis « Elementan E. - sintakson », « Esperanto - Afiksaron », lernolibroj por rusoj k. t. p.

Kiam aperis la reformemeco de Esperanto li aŭdigis sian fortan voĉon kontraŭ la lingvo - reformoj kaj restis senŝanĝe fidela al la Zamenhofa Esperanto ĝis sia morto. *M. D.*
(Laŭ Litova Stelo.)

*S-ro T. J. Richards*, 75 jaraĝa en Eastbourne, Anglujo. Malnova ano n-ro 7808, aliĝinta al UEA jam en 1910 kaj seninterrompe restis membro ĝis 1935; forpasis 5 Dec. 1937.

**Fondinto : H. Hodler, † 1920**
**Redakcio : Genève.**
**Red.: Provizora Komitato de U E A**
Presis : Granchamp, Imprimerie, Annemasse, (Haute-Savoie
Dato : 15/31 Julio 1938